# Etnismo

N-RO 2 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 16. 09. 1972

## KONGRESO DE MINACATAJ ETNOJ

La 5-a kongreso de la Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) okazis de la 22-a ĝis la 24-a de julio 1972 en Klagenfurto, provinco Karintio, Aŭstrio. Ĉeestis proksimume 100 personoj apartenantaj al la etnoj slovena, itala, germana, piemonta, bretona, kataluna, greka, nederlanda, vaska, franca, friula (romanĉa) k.a.

La kongresurbo kaj ties ĉirkaŭo estis tre adekvata por tia manifestacio: La provinco Karintio estas loĝata de inter 10.000 kaj 20.000 slovenoj, minoritato en la germana etno de Aŭstrio. Diversaj diskutoj evidentigis la problemaron slovenan: La "veraj" slovenoj staras lingve kaj kulture - kaj parte politike - kontraŭ germanlingvuloj kaj slovenlingvaj aŭstriemuloj (germane: Windische, provizora traduko: "vindiŝuloj"). Kiel ĉiu minoritato, ankaŭ la slovenoj suferas la premon de la ĉirkaŭuloj alietnaj interalie pro la nekontentiga solvo de la problemo de dulingvaj loknomoj kaj de instruado etnalingva.

En la centro de la kongresaj programeroj troviĝis la raporto de la estraro kaj la statutŝanĝoj. Antaŭ ol prezenti la estraran raporton, la ĝenerala sekretario de AIDMLK, Jordi Costa i Roca, Perpinjano, memorigis pri la fundamenta sinteno de la asocio: Batali por la rajtoj de la unuopaj minacataj etnoj respektante la ekzistantajn ŝtatojn. La raportanto skizis la agadon de la asocio: Oni ne intervenis okaze de la kontraŭvaska proceso en Burgo (decembro 1970), ĉar temis pri politikaĵo. Kontraŭe, la asocio batalis por la liberigo de la barcelona profesoro Jordi Carbonell, arestita pro rifuzado paroli kastilie al hispanaj policistoj; fakte, Carbonell "nur" kelkajn semajnojn pasigis en karcero. En Francio, AIDMLK defendadis la eblecojn de la Deixonne-leĝo de 1951 permesanta instruadon de diversaj etnaj lingvoj. La asocio entreprenis plurajn kampanjetojn ĉe redakcioj de revuoj kaj taggazetoj pro misinformado pri anoj de etnaj minoritatoj. Laŭ instigo de AIDMLK pluraj personoj intervenis ĉe aŭstriaj instancoj en la kazo de la proceso kontraŭ slovena studento akuzita pro dulingvigo de loknoma tabulo en Karintio. La ĝenerala sekretario estas ankoraŭ kolektanta ĉiajn informojn pri la aktuala situacio de la diversaj etnoj. Pluraj kunlaborantoj de la asocio faris studvojaĝojn en aliaetnajn regionojn. Costa partoprenis, kelkajn tagojn antaŭ la kongreso, seminarion pri "Lingvo kaj politiko" organizitan de "la junularo esperantista". Tiu seminario okazinta en Parizo estis tre bona, kaj AIDMLK pripensu - tiel diris Costa - ĉu ne sendi venontan fojon pli grandan delegacion. Li substrekis la nepolitikecon de la aranĝo.

Akceptiĝis pluraj individuaj membroj kaj kelkaj membro-asocioj de korsikanoj, norve-

goj, franciaj flandroj, suditaliaj grekoj, piemontaj verkistoj kaj svisaj studantoj de latinidaj folkloro kaj dialektoj. La tri delegitoj de la grekaj vilaĝoj suditaliaj skizis la teruran situacion de tiuj lastaj tiuregionuloj parolantaj la malnovgrekan lingvon.

La statutŝanĝoj rilatis organizajn problemojn kaj estis relative rapide finitaj. (Ni publikigas ĉi-numere neoficialan tradukon de kelkaj artikoloj el tiu nun valida statuto.)

La elektoj havis jenan rezulton:

PREZIDANTO: Salvador Espriu, kataluna verkisto; VICPREZIDANTOJ: Goyeneche, vasko; B. Pahor, sloveno; Gabriel, alzacano; ĜENERALA SEKRETARIO: Costa i Roca, kataluno; KASISTO: Debré, franco. Krome estis elektitaj la teritoriaj sekretarioj por Italio, Aŭstrio, Svedio, Francio, Norvegio kaj Britio kaj la konsilantaranoj delegitaj de la membro-asocioj.

Kiam junaj italoj el Padovo estis alparolintaj la kongreson koncerne la situacion de la vaskoj en ambaŭ partoj de Eŭzkadio, direktante sin kontraŭ la hispanaj kaj francaj burĝoj, la ĝenerala sekretario deklaris ke tiu interveno ne havas rilaton al AIDMLK. Costa devis refoje admoni certajn ĉeestantojn, kiam germanlingva aŭstro komencis akuzi aliajn etnojn pro elpelo de germanoj el la nordoriento de Eŭropo.

Fine oni sendis aron da rezolucioj, interalie en la latina, al plej diversaj instancoj en pluraj ŝtatoj kaj al la papo.

Por la malgranda observantaro esperantista (geitaloj, katalunino, nederlandano, germano) la AIDMLK-kongreso estis tre interesa, el diversaj vidpunktoj: Unue, oni spertis ĝis maksimumo la ĝenegon kaj 70-procentan tempoperdon pro sinsekva tradukado inter la slovena, itala, franca kaj germana. Due, sen instigoj flanke de la esperantistoj pluraj funkciuloj de AIDMLK ripete emfazis la utilecon de la Internacia Lingvo, kaj la kongreso decidis ke - por eviti la impreson de kia ajn lingva imperiismo - la UNUA nomo de la asocio estu en Esperanto.

(La adreso de la ĝenerala sekretario de AIDMLK estas jena: s-ro Jordi Costa i Roca, 22, rue J.-B. Greuze, F-66 Perpignan)

+ + + + + + + + + +

## JUNAJ ETNISTOJ SEMINARIIS

La Junulara Komisiono de la Federacia Unio de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj (JK/FUEEM) organizis sian ĉi-jaran paskan seminarion de la 26-a ĝis la 31-a de marto en Eberndorf, provinco Karintio, Aŭstrio. Partoprenis pli ol 40 personoj el jenaj etnoj: danoj, kimroj, kroatoj, bretonoj, frisoj, slovenoj, germanoj, nederlandanoj, irlandanoj. Oni aŭskultis kaj diskutis plurajn referaĵojn pri la situacio en diversaj etnaj regionoj, oni estis plurfoje akceptita de oficialuloj, oni ekskursis kaj ordigis organizajn aferojn. La kunveno de 1973 estos eventuale invitita al la regiono de Flensburgo (FRG) fare de la dana minoritato tiea.

o o o o o

**SALVADOR ESPRIU**

AQUESTA TRISTESA, IMMENSA

Aquesta tristesa, immensa, glaçadora,
que plana des de sempre damunt nostre,
fa que sentim proper l' acabament del món.
Però qui sap si algú, des del mar del naufragi,
un dia guanyarà la clara riba
i ordenarà de nou el pas afermat
pels oberts i dreturers camins.
aleshores serà potser comprès el cant
que s' elevà i amb molta dolor venia
del cor mateix d' aquesta nit.

(TIU ĈI MALGAJO, SENFINA / Tiu ĉi malgajo, senfina, glaciiga / kiu de ĉiam ŝvebas super ni / igas nin senti la finon de la mondo proksima. / Sed, kiu scias, ĉu iu, el la maro de ŝippereo, / iun tagon atingos la helan bordon / kaj gvidos denove la certan paŝon / sur malfermitajn, rektajn vojojn. / Tiam, eble, estos komprenata la kanto / kiu leviĝis kaj kun multa doloro venis / el la koro mem de tiu ĉi nokto.)

Salvador Espriu, naskita en 1913, verkinto de multegaj poeziaĵoj, teatraĵoj kaj rakontoj, ricevis dum majo 1972 la "Honoran Premion de la Kataluna Literaturo", la plej altrangan premion kreitan en 1969 fare de "Òmnium Cultural". La premio estas aljuĝita al Espriu pro la elstareco de lia verkaro kaj lia konsiderinda kaj daŭra kontribuado al la kultura vivo de Katalunio, Valencio kaj la Balearoj.

Ne povas esti nia tasko detaligi la diversajn aspektojn de tiu ĉi evento, krom la mencio ke Espriu akceptis ja la honoron, ne la monon: Li donacis la premian sumon de 500.000 pesetoj (t. e. proksimume 25.000,-- gm / nedguld) al "Òmnium Cultural" por pliintensigi la klopodojn rilate instruadon de la kataluna lingvo!

Ni rigardu en alian direkton. La transdono de la premio - kune kun la enmanigo de pluraj aliaj premioj - ne povis okazi laŭ la planoj de la organizintoj. Oni estis antaŭvidinta - skize - jenan programon de la solenaĵo: jara rerigardo pri kultura aktivado fare de Joan Triadú, parolado de p-ro J. Ferrater Mora, proklamo de la premioj, komentoj pri la personeco de la Honorpremiito, recitalo de la kantisto Raimon. Kiel ejon oni elektis la dignan "Palacon de la Kataluna Muziko", kies proprietulo favoris la manifestacion. La aŭtoritatoj hispaniaj malpermesis la okazigon tiulokan. Fiksita por la 27-a de majo 1972 en la "Palau Blau-Grana", la kunveno estis denove malpermesita pro la planita kontribuo de Raimon. Konklude oni rezignis pri publika kunveno kaj transdonis la premiojn en la sidejo de "Òmnium Cultural". (Informoj ĉerpitaj el cirkulero de la prezidanto de "Òmnium Cultural" de la 17-a de majo 1972.)

Eĉ pri nur kultura toleremo de la hispana reĝimo oni ne sonĝu!

++++++++++

# DOKUMENTO 2

## LA KATALUNA EN LA LERNEJOJ

La Advokata Konsilantaro de Viko (provinco de Barcelono) publikigis la 12-an de februaro 1972 katalunlingvan ekspertizon "Pri la kataluna lingvo en la lernejoj de Katalunio", kiun ni ĉi-sekve resume kaj parte cite reproduktas.

I. La bazo de la ekspertizo estas la leĝo pri elementa instruado de la 4-a de aŭgusto 1970. Pri la signifo de ties enhavo la katalunlingva asocio "Òmnium Cultural" faris aron da demandoj al la Advokata Konsilantaro.

II. Ĉar la enkonduko de la leĝo mencias kiel unu el la celoj de ĉiugrada edukado "la integrigon de la regionaj specialaĵoj kiuj pliriĉigas la unuecon kaj la kulturan posedaĵon de Hispanio", estas evidente ke tio koncernas precipe la lingvon de la regiono.

III. Estas same evidente ke la leĝa artikolo 14, alineo 1 ("La antaŭlerneja edukado ampleksas ludojn, ekzerciĝojn pri la lingvo inkluzive la gepatran lingvon.") devigas la tiunivelajn kataluniajn instruistojn ekzercigi siajn zorgatojn en la kataluna lingvo.

IV. Pri la kampoj de edukaj aktivaĵoj, sur la nivelo de la elementa lernejo, artikolo 17 de la koncernata leĝo diras ke la infanoj devas regi la nacian lingvon, lerni unu fremdan lingvon kaj, laŭ la kazoj, kultivi la gepatran lingvon. Konsekvence, la instruistoj devas entrepreni ĉiajn aktivadojn por ke rezultu la parola kaj skriba perfekta kono de la - ĉi-kaze - kataluna lingvo.

V. . . . .

VI. Se la leĝo devigas la instruistojn fari kursojn pri la kataluna lingvo, la lernantoj (kaj ties laŭleĝaj reprezentantoj) havas la rajton postuli ke ĉiu lernejo en Katalunio plenumu la leĝan ordonon, t. e. konkrete, organizu kurson pri la kataluna lingvo.

VII. Ekzameninte la demandon, ĉu aliaj fakoj estas instrueblaj en la kataluna, la Avokata Konsilantaro juĝas ke, ne trovante leĝan malpermeson, la instruisto povas kultivi la gepatran lingvon ankaŭ en aliaj fakoj, konsiderante pedagogiajn principojn. Eventuale oni eksplikos tekston presitan en la kastilia prefere parole en la kataluna.

"Konkludoj:

1. La instruistoj, en Katalunio, devas instrui la katalunan lingvon, kaj sur la antaŭlerneja nivelo kaj en la Ĝenerala Baza Edukado [= elementlerneja nivelo].
2. La lernantoj kaj iliaj laŭleĝaj reprezentantoj povas postuli de la instruistoj la plenumon de la antaŭe menciita devo.
3. La aliaj fakoj adekvataj al la du niveloj povas esti instruataj en la kataluna, kaj por faciligi la studadon de la lernantoj, kaj por efektivigi leĝe ordonitan aktivadon de kultivado de la kataluna."

(Informfonto: flugfolio de "Òmnium Cultural" kaj "Serra d' Or", julio 1972, paĝo 26.)

## DOKUMENTO 3

## KONTRAŬ LA SUBPREMADO DE KATALUNIO

En flugfolio katalun- kaj kastililingva, presita, sen indiko de responsuloj, publikigita kaj vaste distribuita dum 1972, oni memorigas pri la historio de la pasintaj 40 jaroj, dum kiuj Katalunio travivis floradon de sia moderna kulturo, efektiviĝon de la "Statuto de Katalunio" donanta certan memregadon al la kvar provincoj, kaj ..... la detruon de ĉio ĉi nome de la unueco kaj grandeco de Hispanio. Jen traduko de la finaj postuloj:

"NI POSTULAS de la ŝtato niajn rajtojn (konforme al la Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj):
- la katalunan en la lernejo;
- taggazetojn kaj revuojn en la kataluna, sen diskriminacio;
- unu televidan kanalon komplete en la kataluna;
- la eblecon uzi la katalunan por ĉio, en Katalunio;
- la restarigon de la kataluna registaro.

NI INTERPELACIAS la katalunojn kiuj havas publikajn oficojn: Vi perfidas vian landon. Ni defias vin por ke vi diru publike pro kio niaj rajtoj ne estas agnoskitaj. Ni igas vin responsaj pri tio ke la popolo estas pelata al la perforto kiel sola eliro.

NI SALUTAS la novalvenintojn en Katalunio. Ne pretu malatente kunlabori en la kontraŭkataluna diskriminacio! Vi havas lokon inter ni en la konstruado de justa Katalunio. Sed ĉiuj liberecoj estas solidaraj: La kataluna afero estas tiu de la demokratio. Vi ne volu por viaj filoj subprematan Katalunion!

NI INVITAS la katalunojn al nova kampanjo de rezistado:
- parolu ĉiam katalune;
- postulu viajn rajtojn;
- ekspliku Katalunion;
- defendu ĝin fervore!"

(La kompleta teksto estas ricevebla - kiel fotokopio - kontraŭ unu internacia respondkupono ĉe la eldonanto de ETNISMO.)

-.-.-.-.-.-

## FLAGOJ .....

La aserto, en "Problemoj de etnaj minoritatoj en Hispanio", p. 11, punkto 7, ke "Katalunoj kaj eŭskeroj ne rajtas elmontri siajn flagojn, ...", feliĉe ne plu estas kompleta vero (sed la vera resto estas tiom pli ŝoka): Ekde tiu ĉi printempo la kataluna flago, t. e. la kvar ruĝaj strioj sur flava fono, flirtas ĉie tra Barcelono kaj aliaj urboj, gaje (?) apud la hispana kaj la turismaĵoj. - Civila policisto, en Eŭzkadio, kvazaŭ saltis sur germanan turisman aŭton kriante "Tion for!" kaj montrante al surfenestra blazono de la aŭtonoma Respubliko de Eŭzkadio. La turisto obstinis kaj rezignis pri eniro tiuloka en Hispanion. Li pasis en Iruno kie multegaj eksterlandanoj kaŭzas rapidan traktadon .....

# NOVAĴOJ

LILLE. Dum pasko 1972 en tiu ĉi urbo kongresis la Freinet-movado. La komisiono pri ETNAJ LINGVOJ, en akordo kun la ĉeestantaj esperantistoj, voĉdonis jenan rezolucion:

"Respekto de etnaj lingvoj absolute povas kongrui kun paralela volo de internaciismo kiu konkretiĝas per strebo al internaciaj interŝanĝoj.

La komisiono interalie substrekas ke internacia lingvo, kiel Esperanto, estas nepra kaj tute natura komplemento de etnaj lingvoj."

(Pro pliaj detaloj: Lentaigne, 3 av. de la Gaillarde, F-34000 Montpellier)

PARIZO. De la 10-a ĝis 16-a de julio 1972 okazis en la franca ĉefurbo la seminario LINGVO KAJ POLITIKO. Partoprenis diversaj delegitoj, interalie de la Okcitana Movado kaj de la Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj. La programo enhavis plurajn prelegojn kaj diskutkunsidojn pri temoj kiel "Valoro de lingvo", "Trudado de lingvo", "Rilatoj inter lingvo kaj ŝtato", "La lingva situacio en internaciaj rilatoj" ktp. Detala raporto estas anoncita; ni revenos al tiu ĉi afero.

BONAERO. En sia numero de aŭgusto 1972 la monata gazeto TIERRA VASCA publikigas, en paĝo 4, 25-linian mencion pri la lastjare eldonita, de Ludwig Pickel, Nurenbergo, FRG, broŝureto PROBLEMOJ DE ETNAJ MINORITATOJ EN HISPANIO. Aludinte la celon de Esperanto la recenzinto diras: "Resume: Pozitiva kontribuo por pli bona kono de Eŭzkadio en la kvin kontinentoj, kie Esperanto havas entuziasmajn adeptojn." (TIERRA VASCA / EUSKO LURRA, Belgrano 1144, Buenos Aires, Argentino)

ANDORO. Laŭ informo de "La Vanguardia Española" (02. 07. 1972, p. 36) la Ĝenessdrala Konsilantaro (t. e. la andora parlamento) malaprobis la projekton de starigo de "Unuiĝo de Andora Junularo" (UAJ). La celo de UAJ estas krei novan konscion de la andoranoj, precipe de la junularo. La iniciatintoj de UAJ energie kritikas, ke ne ekzistas vere andora edukado: En la elementaj lernejoj, kiuj apartenas al la franca respek- tive hispana sistemoj, oni ne intruas la oficialan lingvon de la ŝtato - la katalunan - nek ĝian historion. La parlamenta dekreto mencias kiel obstaklojn por aprobo precipe teknikaĵojn, sed ankaŭ kontraŭstaron al la celoj.

# BRETONIO




La ĉi-apuda mapeto anstataŭas tiun kiu estis publikigita en la origina eldono kaj kiu ne estas adekvate reproduktebla.

La granda nordokcidenta duoninsulo de Francio estas la regiono kie inter 500.000 kaj 1.000.000 da personoj uzas keltan lingvon: la bretonan. Tiu ĉi estas unu el la sep minoritataj lingvoj parolataj en francio (nederlanda, bretona, eŭskera, okcitana, kataluna, itala kaj germana).

Laŭ enketo de la revuo SKOL VREIZ (la bretona lernejo) kaj publicita en ties n-ro 24 (marto/aprilo 1971, p. 4), la 31-an de januaro 1971 proksimume 380.000 gelernantoj studis la bretonan lingvon en publikaj kaj privataj lernejoj duagradaj. Probable 100 instruistoj donis 150 ĉiusemajnajn lecionojn en la kvin departementoj de la iama provinco Bretonio. Aldonendas proks. 1.600 partoprenantoj de korespondaj kaj vesperaj kursoj, pli ol 600 studentoj de la fakultatoj en Rennes kaj Bresto kaj, fine, la element-lernejanoj diversloke enkondukitaj en la bretonajn studojn.

En radio ekzistas ĉiusemajne programo de 2 horoj kaj 25 minutoj en la regiona lingvo, kaj la televido ĉiumonate elsendas dufoje po 15 minutojn! Evidente la bretonaj kulturagantoj ne povas kontenti pri tiu ĉi situacio kiu signifas plej klaran malrespekton kontraŭ la regiona kulturo.

La bretona kulturasocia federacio EMGLEO BREIZ, fondita en 1952, membro de "Défense et Promotion des Langues de France" kaj de la "Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj", postulas:

- instruadon de la bretonaj lingvo kaj kulturo sur ĉiuj lernejaj niveloj;
- utiligadon de la regiona lingvo en televido, gazetaro, radio kaj eldonado de literaturo;
- uzadon de la bretona en publika administrado.

Informas:

EMGLEO BREIZ, ĝenerala sekretariejo, boîte postale 17, BREST, Finistère, Francio

# INSTITUT d' ESTUDIS CATALANS

Ĉi-printempe, akompanate de kataluna esperantisto la eldonanto de ETNISMO vizitis la Instituton pri Katalunaj Studoj en Barcelono. La redaktoro de la instituta filologia revuo, s-ro Ramon Aramon i Serra, bonvolis respondi al aro da demandoj. La teknika aspekto de la interparolado estis strangeta: la germanlingvaj demandoj estis responditaj katalune. Jen resume:

1) DE KIAM EKZISTAS LA INSTITUTO?

La Instituto pri Katalunaj Studoj estis fondita en 1907 fare de la prezidanto de la Provinca Deputitaro, Enric Prat de la Riba. Oni donis al ĝi la nomon "instituto" por fuĝi la malnovan ideon de "akademio". La ĝenerala tasko estis - kaj estas - la esplorado de la elementoj de la kataluna kulturo.

2) KIA ESTAS LA STRUKTURO KAJ KIUJ ESTAS MEMBROJ DE LA INSTITUTO?

Ĝi konsistas el 4 sekcioj ("klasoj"): historio-arkeologio (fondita en 1907), filologio (1911), natursciencoj (1911), filozofio-juro-ekonomio-pedagogio (1968). Ĉiu sekcio havas 7 membrojn, kiuj estas kaj nunaj kaj iamaj - nun forpuŝitaj - universitataj instruistoj.

3) KIUJ ESTAS LA ĈEFAJ AKTIVECOJ DE LA INSTITUTO?

Estis la instituto kiu faris la unuajn seriozajn arkeologiajn esplorojn en la ibera duoninsulo. La kompetenta sekcio faras leksikajn esplorojn. Ekzistas pluraj subgrupoj en la diversaj sekcioj, ekz. la Kataluna Societo de Geografio, kiuj publikigas sciencajn revuojn. La instituto eldonas - en neregula ritmo - la revuon ESTUDIS ROMÀNICS, kies - laste aperintaj - volumoj **XII** kaj **XIII** (ambaŭ por la jaroj 1963-68) estas dediĉitaj al la memoro de la "patro" de la kataluna filologio: Pompeu Fabra. Sur pli ol 700 paĝoj kvardeko da internacie konataj lingvistoj traktas unuopajn problemojn de la kataluna filologio. Krome la instituto publikigas monografiojn.

4) KIU FINANCE PORTAS LA LABOROJN DE LA INSTITUTO?

Ĝis la fino de la hispana milito (1939) ekzistis subvencioj de la provinco de Barcelono kaj de la "Generalitat", t. e. la registaro de la kvar provincoj Barcelono, Gerono, Lerido kaj Taragono. Nun la instituto ricevas neniun publikan (urban, provincan aŭ ŝtatan) subvencion, sed nur privataj donacoj kaj la konsiderinda subteno de la kulturasocio ÒMNIUM CULTURAL vivtenas la instituton. Longe la aŭtoritatoj komplete ignoris la ekziston de la instituto, kaj la hispanaj akademioj ne havis rilatojn al ĝi, kvankam la instituto liveris kelkajn verkojn ege sopiratajn de kastiliaj sciencistoj, ekz. tradukoj[n] el la antikva epoko, kaj kvankam la instituto estas membro de la Internacia Akademia Unio kaj havas intensajn rilatojn kun multaj eksterlandaj akademioj.

5) KIEL STATAS LA INSTRUADO DE LA KATALUNA LINGVO?

La instituto mem aranĝadas lingvajn, literaturajn kaj historiajn kursojn de tute privata karaktero. Post 1945 eblis unue kelkaj kursoj pri historia gramatiko en la kadro de

(daŭrigo en paĝo 10)

## ĈU VIN INTERESAS .....

# LIBROJ PRI LA VASKOJ ?

Jen ni proponas al vi kelkajn el niaj livereblaj titoloj:

AZKUE, Resurrección María de: Diccionario Vasco-Español-Francés
2 vol., 1.150 p., 95,-- gm

AZKUE, Resurrección María de: Morfología vasca
3 vol., 1.160 p., 33,-- gm

CARO BAROJA, Julio: Los vascos
385 p., 6,-- gm

DAVANT, Jean-Louis: Histoire du Pays Basque - Le Peuple Basque dans l' histoire
165 p., 9,-- gm

GARCÍA VENERO, Maximiano: Historia del nacionalismo vasco
664 p., 22,-- gm

GAVEL, Henri: Eléments de phonétique basque
300 p., 43,-- gm

HALIMI, Gisèle: Le procès de Burgos [enkonduko de Sartre]
321 p., 22,-- gm

HOLMER, Nils M.: El idioma vasco hablado - Un estudio de dialectología euskérica
264 p., 11,-- gm

LAFITTE, Pierre: Grammaire basque (Navarro-labourdin littéraire)
489 p., 19,-- gm

LASA APALATEGI, José: Euskal erria eta ikastola (Una polémica en torno a la Ikastola), 199 p., 7,50 gm

LHANDE, S. J., P.: Dictionnaire basque-français (Dialectes labourdin, bas-navarrais et souletin), 1.119 p., 66,-- gm

MICHELENA, Luis: Historia de la literatura vasca
181 p., 6,-- gm

ROHLFS, Gerhard: Le Gascon - Etudes de philologie pyrénéenne
248 p., 38,-- gm

TOURNIER, André / LAFITTE, Pierre: Lexique français - basque
550 p., 17,-- gm

KAJ MULTAJ ALIAJ!

La indikitaj prezoj NE inkluzivas sendokostojn, por kiuj estos notitaj 10 % de la aĉetsumo en la fakturo. Mendu ĉe:

EUSKALERRIKO IDAZTIAK

BÜCHER DES BASKENLANDES
Blumenstrasse 7
D - 511 Alsdorf

at.nida lingvistiko. En privataj lernejoj kuraĝaj direktoroj kaj instruistoj faris katalunajn lecionojn. De la 1960-aj jaroj ekzistas katedroj pri la kataluna lingvo en universitatoj. kaj de 1970 oni rajtas lerni la katalunan en la elementaj lernejoj, sed ne en gimnazioj. - La nuna reĝimo severege persekutadis - kaj -as - katalunajn kulturagantojn: Pluraj iamaj universitataj profesoroj restas elpuŝitaj el siaj institutoj.

6) KIAL NE APERAS TAGGAZETO EN LA KATALUNA LINGVO?

Ĉar estas malpermesite tutsimple publikigi gazeton. La direktoro de ĉiu gazeteldona societo bezonas la agnoskon fare de la registaro en Madrido. Trovinte aprobeblan personon oni tamen eniras tre riskoplenan entreprenon, ĉar la punoj de 50.000 pesetoj (t.e. proks. 2.500,-- gm) estas tre larĝanime distribuataj. La semajna katalunlingva revuo TELE/ESTEL malaperis pro ekonomiaj kaj politikaj kaŭzoj.

(Adreso de la Instituto pri Katalunaj Studoj estas jena: Institut d' Estudis Catalans, Palau Dalmases, Montcada, 20, BARCELONA 3, Hispanio)

## N O V A Ĵ O J

PAŬO. La 5-an de julio 1972 la apelacia tribunalo de la departemento Atlantikaj Pireneoj publike traktis la kazon de Jean-Louis DAVANT, instruisto en Hasparren. Oni akuzis lin esti vundinta civile vestitan policiston okaze de ĉi-februara, de vaskoj organizita manifestacio en Bajono. La unuainstanca juĝo diktis al Davant kondiĉitan malliberecon de 3 monatoj kaj monpunon de 1.000,-- FF. Kontraŭe al siaj amikoj de ENBATA same akuzitaj, kiuj forkuris el la tribunala salono kriante "Vivu la libera Vaskio!" kaj estis kondamnitaj je po 1 monato de kondiĉita mallibereco, Davant subiĝis al la justica procedo kaj apelaciis. Lia advokato brile defendis lin akuzante la tutan francan justicon provoki malordon, facilanime nomi la ENBATA-militantojn simple "maldekstruloj" kaj juĝi sen havi pruvojn. La prokuroro ridinde plorige aprezante la personecon de Davant postulis konfirmon de la unuainstanca verdikto. La decido estis publikigita la 12-an de julio: konfirmo de la verdikto de Bajono. - La publiko - kaj ĉeestis granda nombro da aŭskultantoj - ne povas kompreni - surbaze de la prezentitaj faktoj - la terminon "justico", kiu laŭdire havas ian rilaton al "justeco".

LONDONO. "Minority Rights Group" (Benjamin Franklin House, 36 Craven Street, LONDON WC2N 5NG, Grandbritio) estas specialiĝinta unuiĝo por esplorado kaj informado pri malfavorataj minoritatoj kaj por kreado de mondvasta konscienco cele al respektado de la homaj rajtoj. MRG publikigis kajerojn pri religioj en Sovetunio, ambaŭ Irlandoj, problemoj en Japanio kaj centra Afriko, pri Sudano, Brazilo kaj Rodezio kaj laste, en aprilo 1972, 24-paĝan A-4-formatan informon pri la vaskoj, kun fotoj kaj bibliografiaj noroj: THE BASQUES; prezo 30 pencoj.

# DOKUMENTO 4

DOKUMENTO 4

S T A T U T O en la formo akceptita de la 5-a ĉefkunveno la 22-an, 23-an kaj 24-an de julio 1972 en Klagenfurto, Aŭstrio.

A. I. D. M. L. K.

## ĈAPITRO I - PRINCIPOJ, CELOJ KAJ AKTIVECOJ DE LA ASOCIO

Art. 1 La Asocio Internacia por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) estas unuiĝo kiu havas kiel celon la defendon kaj la subtenon de lingvoj kaj kulturoj minacataj - ĉu en sia tuto, ĉu en parto de sia tradicia teritorio - de dekadenco, degenero aŭ estingiĝo sekve de diskriminacio kies objekto ili estas en pluraj landoj tiel en instruado kiel en la publika vivo.

Art. 2 AIDMLK kunigas en federacia formo unuflanke jam ekzistantajn kulturcelajn kaj rigore nepolitikajn instituciojn kaj aliaflanke individuajn membrojn.

Art. 3 Ĝi malpermesas al si ĉian politikan aŭ religian aktivecon. Ĝia celo estas ekskluzive kultura.

Art. 4 Ĝi prenas kiel ĉefajn taskojn, unue, la kreadon kaj konservadon, en ĉiuj landoj, de movado de favora opinio por minacataj lingvoj kaj kulturoj, due, senĉesan agadon ĉe registaroj kaj internaciaj institucioj por atingi de ili la kondiĉojn de postvivo kaj evoluado de tiuj ĉi lingvoj kaj kulturoj.

Art. 5 Tiuj ĉi kondiĉoj de postvivo estas jenaj:
- (a) La agnosko kaj apliko de la rajto pri instruado de kaj en la minacataj lingvoj en ĉiuj publikaj aŭ privataj lernejaj institucioj ĉiugradaj en la tradiciaj teritorioj de tiuj ĉi lingvoj kaj kulturoj;
- (b) la rajtigo utiligi tiujn ĉi lingvojn en publikaj debatoj kaj agoj sur la niveloj komunuma, regiona kaj nacia;
- (c) la agnosko de la rajto pri libera evoluado kaj pri materia kaj morala helpo flanke de la publika potenco por kulturaj entreprenoj de regiona karaktero.

Art. 6 Sub "minacataj lingvoj kaj kulturoj" AIDMLK komprenas ĉiujn lingvojn kiuj ne ĝuas la liberecojn, rajtojn kaj avantaĝojn listigitajn en la ĉi-supra artikolo 5.

Art. 7 Oni rimarku ke "lingvo" estas prenita ĉi-tie en la lingvistika senco de la vorto kaj ke ĝi kovras eĉ certajn formojn de lingvo nomatajn "dialektaj" aŭ eĉ "parolmanieraj".

Art. 8 AIDMLK rekomendas eĉ la instruadon de tiuj ĉi lokaj formoj dum la unuaj lernojaroj kiel enkondukon en studadon, oficialan aŭ ne, de iliaj literaturaj elformiĝoj.

Art. 9 Koncerne tiujn lingvojn kiuj ekzistas nur en formo de grupo de dialektoj aŭ kiuj ne posedas plene kontentigan literaturan lingvon, AIDMLK rekomendas la ellaboron de plenaj literaturaj lingvoj.

Art. 10 La rimedoj aplikataj de AIDMLK por realigi tiujn ĉi kondiĉojn de postvivo estas jenaj:
- (1) Organizado de oficejo ŝarĝita por
  - (a) kunigi ĉiujn utilajn informojn pri la situacio de la minacataj lingvoj kaj kulturoj kaj pri la rimedoj uzataj en certaj landoj por defendi ilin;
  - (b) publikigi bultenon por la interna konatigo de la informoj kolektitaj laŭ (a);
  - (c) kuraĝigi reciprokajn studvizitojn de la membroj de la diversaj minacataj lingvaj kaj kulturaj grupoj;
- (2) Edukado de la enloĝantaroj kies lingvoj kaj kulturoj estas minacataj, por nova konsciiĝo pri la digneco de tiuj lingvoj kaj kulturoj.

Tiu ĉi eduka laboro utiligos rimedojn plej adekvatajn al la regiono kaj al la medio: publikajn prelegojn, paroladojn en la lernejoj kaj en la radio, gazetartikolojn ktp.

(3) Organizado de entreprenoj por la ilustrado de la minacataj lingvoj: publikigo de revuoj kaj literaturaĵoj, materia helpo al tiuj institucioj kiuj jam agadas en tiu ĉi senco, helpo en la kreo de literaturaj formoj menciitaj en la ĉi-supra artikolo 9.

(4) Ellaborado de principoj por jura protektado de minacataj lingvoj kaj kulturoj.

(5) Agado ĉe registaroj por akiri por la minacataj lingvoj kaj kulturoj la avantaĝojn listigitajn en la ĉi-supra artikolo 5 kaj precipe la instruadon de la koncernataj lingvoj.

(6) Apelacio al la internaciaj institucioj kiel UNESKO por peti ilin interveni en favora senco ĉe la registaroj.

(Fino de la statuta teksto-citaĵo.)

Atentigo: La membreco individua kostas jare 25,-- svisfrankojn, la asocia 100,-- svisfrankojn.
Por pliaj informoj oni turnu sin al la adreso indikita en paĝo 2 de tiu ĉi numero aŭ al la eldonanto de ETNISMO.

+++++++++

# BIBLIOGRAFIAJ NOTOJ

BADIA I MARGARIT, Antoni: la llengua dels barcelonins - Resultats d' una enquesta sociològico-lingüística; Barcelono, 1969, 684 p.; enketo pri la uzado de la kataluna lingvo en la grandurbo Barcelono, detala prezento de la preparoj kaj de la rezultoj, el 21.000 demanditoj respondis 3.485.

COPPIETERS, Franz: Das Problem der Gemeinschaftsbeziehungen in Belgien; Bruselo, 1971, 38 + 3 p.; skizo de la pasinto kaj nuno de la rilatoj inter flandroj, valonoj kaj germanoj el lingva/kultura kaj ekonomia/politika vidpunktoj.

COPPIETERS, F.: La révision constitutionnelle - Une étude synthétique; Bruselo, 1971, 192 p.; kiel la antaŭe menciita titolo, sed pli detala.

HERAUD, Guy: Peuples et langues d' Europe; Parizo, 1968, 270 p.; teorio de etnismo kaj konciza prezento de la situacio de la etnaj malplimultoj en la nesocialismaj ŝtatoj de Eŭropo.

ĈU VI HAVAS RILATOJN AL ETNAJ MINORITATOJ?

KUNLABORU EN ETNISMO!

ETNISMO - informilo pri etnaj problemoj.
Eldonanto kaj responsa redaktoro: Uwe Joachim Moritz, Blumenstr. 7, D-511 Alsdorf, FRG, tel.: 02404-4393. ETNISMO estas dissendata senkoste, tamen donacoj estas bonvenaj: poŝtĝirkonto 2326 12 Hannover (por la eldonanto persone). ETNISMO aperas laŭbezone. Kelkaj ekzempleroj de n-ro 1 ankoraŭ ekzistas.